dum la lasta jaro 1904 gestudantoj estis enskribitaj; nova bibliotekejo kaj novaj fakultatoj estos konstruataj.

**Ĉeĥoslovakujo.** Laŭ la lasta popoldenombro en tiu ĉi ŝtato troviĝas 4,069.000 katolikoj; 560.000 senkonfesiuloj, 399.000 anoj de la ĉeĥo-nacia eklezio, 225.000 protestantoj kaj 68.000 judoj; la perdo de la katolikoj: 1,111.000.

Feliĉe la kruela persekuto de la lastaj jaroj kaŭzis belegan ekfloron de la katolika vivo precipe inter la junuloj. La nunjara grandioza festo de „Orel" (katolikaj gimnastoj) estas ĝojiga pruvo. Pli ol 120.000 partoprenantoj kunvenis en Brno. La festo havis vere internacian karakteron. Ĉeestis gastoj el Anglujo (8), Belgujo (290), Francujo (220), Ruslando (4), Polujo (5), Usono (33), Jugoslavio (800), Svisujo (11) ktp. La feliĉa sukceso de la festo klarege montris, ke la katolikoj nuntempe posedas bonorganizitan armeon inter la gejunuloj.

**Portugalujo.** La katolika vivo ĉiam estas ankoraŭ tre malfacila. Laŭ letero de patriarko de Lissabon, publikigita lasttempe en usona revuo, tiu ĉi grandaĝa eminenco skribas: Mi estas maljunulo, al kiu la multaj persekutoj depost la kreo de republiko 1910 rompis la koron. La respubliko ŝajne nur havas unu celon, detrui nian kredon, niajn seminariojn, mallonge ĉion, kio estas katolika ... Mia eparĥio estas unu el la plej grandaj en la ŝtato; sed malfeliĉe mi devas vidi, ke preskaŭ ĉiuj miaj pastroj, unu post la alia, estis perdita aŭ ekzilita ... Ni nun troviĝas en tre granda mizero kaj mia eparĥio same kiel la aliaj estas metitaj antaŭ la eksterordinare malfacila tasko, havigi al ni sacerdotojn por la senpastraj paroĥejoj ...

Intertempe ni povas konstati ankaŭ feliĉajn signojn de katolika vivo. Dum la nunjara ĝenerala kunveno de la katolikoj ili unuanime decidis, forlasi la inter ili ekzistantajn politikajn diferencojn kaj interne de la ekzistanta respubliko agadi por la katolika afero. Samtempe oni decidis krei katolikan partion laŭ la modelo de la „popolari".

Nuntempe oni preparas katolikan universitaton en Coimbra sub la protektorato de l' episkoparo.

## Libera tribuno.

Al la redaktoro de K. M.

Karegulo!

Bone mi konas tiujn melodiojn de ĉiuj redaktoroj: Varbu novajn abonontojn! Disvastigu la gazeton, alie ĝi ruiniĝos kaj ne plu aperos! Jes tiel vekrias hodiaŭ ĉiuj redaktoroj de ĉiuj revuoj kaj gazetoj. Karegulo, konsoliĝu! Vi ne estas sola. Krom la grasaj kaj dikventraj ĵurnaloj industriaj — bonege nutritaj de Sroj Stinnes, Rothschild, Rosenbaum ktp. — ĉiuj idealaj revuoj kaj ĵurnaloj vekrias kaj tiuj vekriegoj ne plu tuŝas la — pardonu — nepenseman legantaron! Jes, tio estas fakto; eble bedaŭrinda, sed estas fakto. Ĉu ne, karegulo?

Eble vi koleriĝas pri mia senracia babilado. Sed kvietiĝu, karegulo! Estu korinternege konvinkita: mi ne estas inter ili, kiuj malaŭdas la vekriojn! Ho tute ne! Mi komprenas ilin? Ĉar — kvankam mi ne estas fakulo tamen en mia malsaĝa kapo sunklare eklumis la ideo, ke estas malfacilega tasko, hodiaŭ eldoni en malriĉa Aŭstrujo gazeton internacian, kiu ne havas sufiĉe da legantoj — ĉu ne? — kaj sen sufiĉa mono kaj sufiĉa informa servo devus raporti pri la tuta mondo. Certe mi estas sendube la plej dikhaŭta malsaĝegulo inter viaj legantoj — miaj amikoj min nomas „elefantulo", tamen mi komprenis tion. Pensu, kiamaniere mi ektrovis ĉi tiun komprenon! Aŭdu kaj miregu! Mi imagis hodiaŭ vespere, traleginte „Libera tribuno" de lasta numero, ke mi nun estus redaktoro tie en la mizera Aŭstrujo kaj mi devus nun verki la venontan numeron de K. M. — kaj tiamaniere ke ĉiuj legantoj en la 35 ŝtatoj estus kontentaj ... Kaj mi ekkomencis pripensi kaj pristudadi pri titolo kaj enhavo de ĉefartikolo, kaj mi komencis skribi, skribegi kaj — post duonhoro dikaj gutegoj de svito sidis sur mia varmega frunto kaj miaj dentoj doloris kaj la supera kvarono de mia plumingo estis for ... for por ĉiam! Karegulo, preĝante mi levis la manojn kaj okulojn al la bonega Dio, dankante, ke mi ne estas la malfeliĉa redaktoro de K. M! — —

Karegulo! Aŭdu pacience! Mi ne volas forŝteli vian multvaloregan tempon! Ĉe estus facile — ĉu ne? — en ĉiu numero raporti pri grandaj „triumfoj" kaj „venkegoj" en la ĉiam „triumfanta" kaj „venkanta" Esperantujo! Certe estas tre komoda amuzaĵo, se oni sidas en dika leda apogseĝo antaŭ prikanta matenmanĝo, kaj fumante la belan „havanon" legas triumfe pri novaj triumfoj!! — Ho kiel tiuj triumfoj tiklas la ĉiam entuziasmeman esperantismigitan koron de „vera", „purrasa" Esperantisto ... Li sentas sin mem kiel ĉionvenkantan triumfantulon ... li en la mola apogseĝo antaŭ la pikanta matenmanĝo kaj la bonmalodora „havano"!! ... Kaj nia triumfema venkemulo, kortiklita per la ĉiamaj venkoj, tute forgesas la bravajn soldatojn, kiuj heroe batalantaj frostas kaj malsatas en la fronto ...

Karegulo, ĉu mi ne estas prava? Aŭdu! Estas mia modestega opinio, ke ni katolikoj nepre devas havi „indan" gazeton, inda je la katolika ideo, inda je la katolika legantaro. Kaj estus — laŭ mia malsaĝega penso — malinda de la katolika legantaro, se ĝi ne trovus la ilojn por inde pagi la redakcion kaj administracion. Ĉiu laboranto estas inda de inda salajro. Tiu estas Krista devo! Kaj ŝajnas al mi malinda de katolika legantaro, se katolika gazeto tiel grava kaj necesega bezonas kolekti donacojn por vivi. Ĉu ne?

Do miaj karaj gefratoj! Mi, la plej granda malsaĝulo inter vi, mi kuraĝas opinii, ke ni devas esti noblanimaj viroj kaj virinoj. Mi estas konvinkita, se ĉiu nuna leganto serĉas almenaŭ unu novan abonanton, K. M. inde povas vivi: inde de katolika nomo kaj de katolika legantaro. Jes, estas mia interna konvinko, se la legantaro mem ne decidiĝas, noblanime pensi kaj magnanime oferi, ĝi ne estas inda de inda gazeto ...

Karegulo, ĉu mi estas prava? Via grumblantemulo.

## Internacia poŝto.

**Sro M., Francujo.** Jes, ni estas informitaj pri la kongreso en Nijmwegen kaj ĝojas pri la tie montrata pacema spirito. Ni atendas intertempe la oficialan protokolaron por ekkoni detale la tieajn decidojn. Ni esperas, ke de nun estos paco kaj eble pli poste iu speco de kunagado, kio estus ne nur la plej praktika solvo, sed ankaŭ konforme al la vere kristana spirito. Intertempe ĉiu movado agadu laŭ sia programo kaj evoluo.

**Sro P., Germanujo.** Ni ĝojas, ke vi libervole sendas la plialtan abonprezon, pripensante, ke ankaŭ la nuna prezo de 60 m. tute ne kovras niajn elspezojn. Definitiva prezo estos fiksata, kiam oni klare ekkonos la evoluon de la germana marko.

## Anoncetoj.

La kostoj por unufoja enpresigo ĝis 25 vortoj egalas la prezon de 5 numeroj (duonkolekto) en la nacia valuto de l' anoncanto; por pliofta enpresigo rabato.

— — — — — — — — — — — — — —

Jan Vasiledski, Volbs, Częstochowa, ul. Wielunska 16, Polujo, deziras korespondadi kun gesamideanoj per P. J.

Sro Franz Höretsauer, Wien, XV., Grimmgasse 25/15, deziras korespondadi kun samideoj el ĉiuj landoj. Ĉiam certe respondas.

Hejmo (tuta pensiono) por gefremduloj (4 fr. sv. ĉiutage) ĉe Pro Koller en Unter-Nall (Retz), Aŭstrujo.

Interŝanĝo de PM, PK k. papermono kun ĉiuj landoj. Elsendo de belegaj elektoj al ĉiuj kolektantoj. Postulu niajn senpagajn prezareton kaj prospekton. Internacia Klubo Filatelista „Oriento", skrytka poczt. № 110, Wilno (Pollando).

Frant Buhr, bankoficisto, Praha-Břevnov 257, Ĉeĥosl., deziras interŝanĝi il. kartoj kaj korespondadi pri katolika movado en Ĉeĥoslovakujo.

Frant Lisý en Kladno, Stulcova 109, Bohem.-Ĉeĥosl., deziras korespondadi kaj interŝanĝi poŝtmarkojn el ĉiuj landoj.

S. Tijunaitis, gvidanto de katolika geinstruista unuiĝo en Litovujo kaj kunredaktoro de organo de tiu ĉi unuiĝo „Lietuvos Mokykla" (t. e. Lernejo de Litovujo), deziras korespondadi per leteroj kun la samcelanoj pri alilanda katolika instruista organiza vivo kaj popolinstruadaj aferoj kun celo ricevitajn scigojn aperigi en litova instruista preso kaj komenci interkomunikojn kun alilandaj organizoj geinstruistaj katolikaj por alprokismigi k.t.p. Adreso: S. Tijunaitis, Kaunas, Lukŝiog. 11. Lietuva, Litovujo.

Ĉiuj samreligianoj, kiuj sendos ĉ. 30—50 poŝtmarkojn maloftajn de sia lando, certe ricevos same tiom da belaj hungaraj poŝtmarkoj. Popp Zoltan, Miskolcz, Szentpéteri kapu 29/a, Hungario.

Walter Brunner, Wien, XV., Gebr. Langg. 7, Aŭstrujo, deziras korespondadi kaj interŝanĝi poŝtkartojn kaj markojn.

Kiu kunhelpos konstrui preĝejon en la vilaĝo Wisterschan apud Teplitz-Schönaŭ, Ĉeĥosl. Por monsendu akceptu nian antaŭdankon. Theodore Heiserholt, katehisto, Teplitz-Schönaŭ.

Sro Emil Pfohl en Arnaŭ, Bohemujo (Ĉeĥoslovakujo), deziras korespondadi kun gesamideanoj ĉiuj landaj. Mi ankaŭ kolektas bildkartojn kaj poŝtmarkojn; respondon certe.

Sro W. Mudrak, Wien, XV., Gebr. Lang-Gasse 7 (Aŭstrujo), deziras korespondadi kun samideanoj el la tuta mondo pri mondpaco (germane, ĉeĥe kaj esperante). Mi respondas certe.

Sro Anatolio Volohov en Tambov, Kambarovskaja 48 (Rusujo), deziras korespondadi kun gesamideanoj el ĉiuj landoj pri diversaj temoj.

Sro Heinrich Rhein, Mainz (Germanujo), Hopfengarten 4, interŝanĝas poŝtmarkojn kun samideanoj el ĉiuj eŭropaj landoj. Valoro laŭ Senf aŭ Michel.

Sro A. Marinovič, VI, zandarm. brigade Split, Dalmacija (Jugoslavujo) deziras korespondi kun samideanoj el ĉiuj landoj, precipe kun fraŭlinoj.

## Novaj akciuloj de l' Paŭlus-eldonejo.

Dum la monato de septembro aliĝis: Sro Benetka, Ĉŝ. 100.000; Sro Rathwallner, Aŭstr. 60.000; Fino Bayer, Aŭstr. 10.000; Pro Schmidt, Germ. 10.000; Sro Haymo, Ital. 20.000; Sro Grunewald, Germ. 10.000; Sro Wiering, Germ. 20.000; Sro Mudrak, Aŭstr. 10.000; Sro Kazda, Aŭstr. 20.000; Sro Oberndorfer, Aŭstr. 25.000; Sro Stagenegg, Aŭstr. 40.000; Sro Koppitsch, Aŭstr. 5000; Sro Hagen, Ĉŝ. 1000; Sro Warmend, Germ. 10.000; Sro Muffang, Franc. 90.000; Pro Miller, Aŭstr. 150.000; Sro Gauch, Svis. 100.000; Sro Becker, Germ. 10.000; Sro Stonner, Germ. 10.000; Sro L. Knopf, Germ. 10.000; Sro W. Knopf, Germ. 50.000; Sro Schmidt, Germ. 10.000; Sro Obermanns, Germ. 25.000; Sro Bergmeister, Germ. 10.000; Sro Schick, Aŭstr. 21.000; Sro Beran, Ĉŝ. 1,025.000.

## Novaj aperintaĵoj.

Carolfi, Katolika preĝlibro 16°, 160 paĝoj bindita aŭ broŝurita. Paŭlus-eldonejo Graz. Broŝ. g. m. 40·—, s. h. 0·80, s. fr. 0·80, h. fl. 0·40, liroj 4·—, ĉ. k. 5·—; bind. g. m. 60·—, s. h. 1·40, s. fr. 1·40, h. fl. 0·75, liroj 6·—, ĉ. k. 7·—.

Kun ĝenerala deziro atendite jam delonge, fine ni nun povas saluti la aperon de la katolika preĝlibro. Ĝi certe plaĉos al ĉiuj kiel pro la enhavo riĉa, bonstila, tiel pro la eksterajo bela, la bona popero, la pura presmaniero, la komoda poŝformato ktp. La katolika preĝlibro, kiu pro la cirkonstancoj estas malmultekosta donaco, certe ĝis Kristnasko estos en la manoj de ĉiuj Esperantistoj katolikaj. Laŭ la antaŭmendoj certe la utila libro baldaŭ estos elvendita.

Proelss-Sappl, Die bisherigen Erfolge der Welthilfssprache Esperanto auf der ganzen Welt. 8°, 106 paĝoj. Paŭlus-eldonejo, Graz. Kart. g. m. 30·—, s. fr. 0·80, h. fl. 0·40, liroj 4·—, ĉ. k. 5·—; bind. g. m. 60·—, s. fr. 1·20, h. fl. 0·70, liroj 6·—, ĉ. k. 7·—.

Sappl, Esperanto-Katechismus. 16°, 32 paĝoj. Paŭlus-eldonejo. Graz, G. m. 12·—, s. fr. 0·30.

La du verkoj de l' agadema eldonejo estos bonvenintaj en la domo de ĉiu Esperantisto scipovanta la germanan lingvon. Ili estas bonegaj iloj por la propagando de Esperanto.

## Atentu! Novaj abonprezoj.

La daŭra senvaloriĝo de aŭstra, germana ktp. valutoj postulas plialtigon de abonprezoj por la koncernaj landoj; alie danĝeriĝus daŭra apero de K. M. La kondiĉojn por altvalutaj abonintoj ni klopodas plibonigi laŭpove: La prezoj por dua kolekto (11—20) estas jenaj:

Altvalutaj ŝtatoj: Svisujo, Hispanujo, Anglujo kaj similvalutaj ŝtatoj: 4 fr., p., ŝ. ktp. Usono kaj s. v. ŝt.: 1 d.

Kiu mendas al unu sama adreso 5 (10) kolektojn, ricevas 1 (2) kolekton senkoste. Kiu varbas almenaŭ 5 novajn abonontojn ricevas unu kolekton senkoste. Abonontoj en Hispanujo aŭ aliaj ŝtatoj, kie malgrandaj bankbiletoj ne ekzistas povas pagi per frankoj aŭ similvalutaj monoj.

Mezvalutaj ŝtatoj: Francujo, Belgujo kaj s. v. ŝt.: 5 fr.; Italujo: 6 l.; Ĉeĥoslovakujo, Jugoslavujo: 10 ĉ. K., din.; Romanujo: 20 lev.

Kiu mendas 10 (20) kolektojn por unu sama adreso ricevas 1 (2) kolekton senkoste. Kiu varbas almenaŭ 15 novajn abonontojn, ricevas unu kolekton senkoste.

Malaltvalutaj ŝtatoj: Germanujo, Baltikaj ŝtatoj: 60 g. M.; Polujo: 500 p. M.; Hungarujo: 300 h. Kr.; Aŭstrujo: 3000 aŭ. Kr.

Kiu mendas 30 kolektojn por unu sama adreso aŭ varbas almenaŭ 25 novajn abonontojn, ricevas unu kolekton senpage.

**NB.** Oni sendu la monon plej bone per naciaj bankbiletoj de la propra lando al Katolika Mondo, Graz, Karmeliterplatz 5, Aŭstrujo, aŭ al la nacia direktoro de Ika. Por Germanujo (Verlag Volksheil Karlsruhe 26.195), Aŭstrujo, Ĉeĥoslovakujo, Svisujo oni postulu poŝtpagilojn de l' eldonejo.

**Oni ne pagu per poŝtavizoj!!**



Posedanto, Eldonejo: Paŭlus-eldonejo (Ika), Graz, Karmeliterplatz 5. — Responta redakcio: Dr. M. J. Metzger, Graz. — Presistejo: „Styria", Graz.
**K. M.** ne malpermesas la represigon de la artikoloj en la naciaj gazetoj. Kontraŭe ĝi deziras la disvastigon de siaj ideoj kaj per tio la servon al la katolikaj interesoj. Nur ĝi postulas la publikigon, ke la artikolo estas tradukita el K. M., la organo de Ika.